„Mutig vorwärts!“

# Aŭstria Esperantisto

„Kuraĝe antaŭen!“

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.

4a jaro. No. 3 Monata Marto 1927

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto ĉe poŝtŝparkaso aŭstria n-ro D-123.826.

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.30, germanlandanoj RM 3.—, alilandanoj sv. fr. 4.—; ponumere: por enlandanoj 40 aŭ. g., eksterl. 50 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Aus aller Welt.

Esperanto-Kongresse:

19. Weltkongreß in Danzig, 28. Juli bis 4. August.
16. Deutscher Landeskongreß Köln.
18. Britischer Landeskongreß Cheltenham-Spa, 14.—19. April.
3. Niederländ. Landeskongreß Harlem, 28.—29. Mai.
7. Österr. Landeskongreß Wien, 4.—6. Juni.

„Innsbrucker Nachrichten“ (national) in der Nummer vom 2. März l. J.: „Die Wahrheit über Südtirol, 1918—1926.“ Zusammengestellt auf Grund vertrauenswürdiger Urkunden und verbürgter Tatsachen von Hans Fingeller, Südtirol. — Die 51 Seiten starke Druckschrift beginnt mit der Geschichte Südtirols und endet mit der Angelegenheit Dr. Noldin. Auf Wunsch des Verfassers wurde die Schrift von einem ihm befreundeten Südtiroler in Esperanto übersetzt, damit die Vertreter der Esperantoweltbewegung in mehr als 1400 größeren Orten von mehr als 80 Ländern der Welt erfahren, wie die nationalen Rechte Deutsch Südtirols mißachtet werden. (Auch während des Krieges haben die Deutschen die Welthilfssprache Esperanto dazu benützt, um das Ausland durch Vermittlung der nordischen Länder über die Lügen der feindlichen Presse betreffend die deutsche Kriegführung, die Behandlung der Kriegsgefangenen usw. zu unterrichten.) Die Broschüre wird bei Ellersieck u. Borel, Berlin SW. 61, Wilmsstr. 5, zum Preise von 1 Reichsmark ausgefolgt.

„Linzer Tagespost“ (national) schrieb in ihrer Nr. 52 vom 6. März l. J. auf eine Anfrage folgendes: „Esperanto ist eine künstliche Hilfssprache, die jedoch tatsächlich geeignet ist, allen Anforderungen, welche an eine moderne Kultursprache gestellt werden, zu entsprechen. Sie kann außer der Muttersprache als vollkommener Ersatz für Erlernung anderer Sprachen angesehen werden, denn mit Esperanto kann man heute schon durch die ganze Welt kommen.“

Esperanto offizielle Gottesdienstsprache in der Altkatholischen Kirche.

Am 21. November erhielt ein Däne die Priesterweihe in der kroatischen altkatholischen Kirche in Zagreb. Die Feier fand offiziell in Kroatisch und Esperanto statt. Vor der Weihe hielt der Bischof Kalogjera eine kurze eindringliche Ansprache über den Wert des Esperanto für die Kirche. Bei der Weihe selbst las er die Gebete in einem wohlklingenden Esperanto. (Nach „Marto“.)

### Kurzschrift und Esperanto.

Die stenographische Presse begegnet mit Anteilnahme einer redeschriftlichen Uebertragung für Esperanto des Systems Stolze-Schrey von Robert Kreuz, Generalsekretär des Internationalen Zentralkomitees der Esperanto-Bewegung. Die Reden des letzten Welt-Esperanto-Kongresses in Edinburgh (Schottland) sind von zwei Stenographen der Systeme Stolze-Schrey und Piman aufgenommen worden. I. E. S.

Ein Esperanto-Preßbureau in Warschau, Adresse Esperanto-Preß, Warszawa 7, poste restante, versendet in E. Nachrichten über Polen, die dazu bestimmt sind, in den Tagesblättern der verschiedenen Länder abgedruckt zu werden. Auskünfte durch die Red.

### Alle geht es an!

Schneiden Sie bitte alle Artikel, Ankündigungen Notizen usw. Esperanto betreffend aus den von Ihnen gelesenen Zeitungen aus und senden Sie dieselben immer sogleich in einem mit 2 Groschen frankierten Briefumschlag als „Drucksache“ an uns ein. Sie helfen damit der Esperantobewegung mehr als Sie glauben!

Jedes Vierteljahr werden wir eine Zusammenstellung der erschienenen Artikel veröffentlichen.

# LA PASKA KONFERENCO EN PRAHA.

K. R. kaj Komitato de UEA estas oficiale kunvokataj je komuna kunsido kun I. C. K. sabaton, 16. aprilo, je la 9 h. matene, en Praha. Ĉiuj naciaj societoj bonvolu nepre sendi reprezentanton al tiu grava kunveno kaj averti I. C. K. per letero al Genève.

*

La direktantaro de AED. elektis en sia kunsido de l' 8. marto s-ron red. Steiner reprezentanto de Aŭstrio en ĉi tiu konferenco.

*

## Programo de la Paceduka Konferenco

oficiale kunvokita de l' Internacia Oficejo de Edukado.

Sabaton, 16. aprilo: Proklamo de l' paco de la ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco en Parlamentejo.

Lundon, 18. aprilo: Malfermo. Elekto de l' estraro.

(PSIKOLOGIO). La paceduka problemo sur la psikologia kampo. Prof. D-ro Pierre Bovet, Genève.

Scienca Studo pri sentoj kaj antaŭjuĝoj de l' infanoj. D. A. Prescott, Harvard.

Enketo pri la sentoj de l' infanoj. Rudolf Fridrich, gimnazia prof., Brno.

Paceduko per lernolibroj pri natura scienco. D-ro Kamaryt, gimn. prof., Bratislava.

(INSTRUADO). Lernolibroj pri historio (enketo de la Carnegia Fondajo).

Instruo pri Ligo de Nacioj. L. Kronenberg, gimn. prof., Pollando.

Konstruaj klopodoj. Prof. Casimir, Hago.

Vespere: Publika kunveno.

Mardon, 19. aprilo:

(EDUKADO). Edukaj rimedoj: lerneja aŭtonomio, memregado de l' infanoj, arbitracio inter kaj de per ili, respekto de gentaj kaj religiaj malplimultoj. Spertoj faritaj en Kimrujo. (Rer. G. Davies.)

Interlerneja korespondado (spertoj de la ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco)

a) per fremdaj lingvoj, S-ro Bauer.

b) per Esperanto, S-roj Neuzil kaj Haan.

Internaciaj infankampoj kaj interŝanĝoj; p. m.: Komisionaj kunsidoj pri rezolucioj; vesp.: Publika Ferma Kunsido.

---

Laŭ la decido de la Intern. Eduka Oficejo en Genève kaj la Loka Organiza Komitato la oficiala lingvo estos Esperanto, en kiun estos tradukataj ĉiuj referatoj kaj debatoj, diritaj en iu lingvo nacia. Aliĝu jam nun kaj rezervigu al vi konvenan loĝejon per Ĉeĥoslovaka Asocio Esp., Praha, VII, Sochařská 333.

## Alvoko al ĉiuj edukistoj kaj patrinoj.

La oficiala kunvoka cirkulero de la Internacia Oficejo de Edukado vekis intereson en ĉiuj pedagogiaj rondoj de la mondo. El Usono, Anglujo, Nederlando venis multaj informpetoj de gravaj societoj kaj anonciĝis eminentaj partoprenoj ĉefe ekster la esperantista rondo. Ĝis nun ni ricevis ankoraŭ ne sufiĉe da respondoj el esperantistaj. Ni urĝe alvokas ĉiujn niajn grupojn, priparoli la aferon kaj interesi instruistojn kaj ankaŭ pensemajn gepatrojn, avertante nin pri eblaj partoprenoj. Patrinoj ne devus forgesi kiom terura estas milito. Ĉu vi deziras, ke oni eduku viajn infanojn al celo pli homa ol reciproka buĉado? Ĉu vi deziras, ke la lingvo de Zamenhof servu al utila konsiliĝado pri tio? Se jes, aliĝu tuj, venu al Praha, aŭ monhelpu la vojaĝon de alia! La okazo estas grava. Ne lasu ĝin preterpasi!

## Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.

La estraro de TAGE kunvokas ĝeneralan kunvenon al Praha, okazantan samtempe kun la konferenco.

La 17. aprilo okazos en Praha jarkunvenoj de Ĉeĥoslovaka Asocio E. kaj de Germana Esp.-Ligo en Ĉeĥoslovakio.

# XIX. UNIV. E.-KONGRESO.

Danzig, 28. VII. ĝis 4. VIII. 1927.

Kotizo sv. fr. 25·—. **Aliĝu tuj!!!**

**El la provizora programo:**

28. VII.: Interkonatiĝa vespero.

29. VII.: a. m.: Malfermo de la S. U.; p. m.: vespera koncerto en Sankta Marien; vesp.: Malfermo de la XIX a.

30. VII.: Prelegoj, laborkunsido, fakaj kunsidoj; p. m.: Ekskurseto al Oliva-Glettkau.

31. VII.: a. m.: Diservoj, promeneja koncerto; p. m.: Ĝardenkoncerto.

1. VIII.: Prelegoj, kongresa fotografado, fakaj kunsidoj; vesp.: Internacia balo.

2. VIII.: Fermo de la S. U., fakaj kunsidoj; p. m.: Ekskurso al Zoppot, oratora konkurso en Kurac-Ĝardeno; vesp.: Arbaropero germana.

3. VIII: Tuttaga ŝipekskurso al Zoppot, marborda festo.

4. VIII.: Fermo de la Kongreso, ekskurso al Marienburg, postkongresaj vojaĝoj.

# Aufruf

## zum 7. österreich. Esperanto-Kongreß in Wien, Pfingsten 1927.

**Helft,** daß unser 7. österr. Esperantokongreß eine großartige Kundgebung für das **Werk** unseres Meisters werde!

**Helft,** daß die Oeffentlichkeit durch massenhafte Beteiligung der Esperantisten aus Wien und aus allen Bundesländern dem Kongresse die entsprechende Beachtung schenken muß!

Schon in den ersten Tagen haben sich **über 100** Esperantisten aus Wien angemeldet und ihren Kongreßbeitrag eingesendet (S 2·—; für Arbeitslose und Studenten S 1·—).

Der schönste Saal Wiens, der **neue Festsaal** in der **neuen Hofburg,** wurde für die feierliche Eröffnungssitzung bereits sichergestellt.

Darum **kommt** alle und sendet schon jetzt Eueren Beitrag ein (Adr.: Ob.-Insp. Steiner, Bisamberg oder „Aŭstria Esperantisto“, Korneuburg)!

**Kommt,** um mit Gleichgesinnten aus Nah und Fern, aus Oesterreich und dem Auslande an der schönen blauen Donau auf echt wienerische Weise einige frohe Tage zu verbringen!

**Kommt,** damit Ihr wenigstens an **einem** Esperantofeste — Danzig ist für viele ja so weit — teilnehmen könnt!

**Kommt** trotz der schlechten wirtschaftlichen Verhältnisse, um für diese Spanne Zeit die täglichen Sorgen zu vergessen.

**Meldet** Euch gleich an!

**Sendet** den Kongreßbeitrag!

**Erleichtert** dadurch unsere Arbeit!

Der Vorsitzende des Lokal-Kongreß-Ausschusses:

Steiner.

## VI. Plenkunveno de Aŭstria Laborista L. Esp.

okazos en Linz dum Pentekosto 1927.

### Libertempa lernejo.

Aŭstria Laborista Ligo E.-ista aranĝos la 20. junio „Libertempan Lernejon“ en la hejmo de la Infanamikoj en kastelo Schönbrunn. Ĝi daŭros 2 semajnojn kaj havas la celon, perfektigi membrojn de A. L. L. E. el la provincaj grupoj al kursgvidado. Nur 20 personoj povas partopreni kaj la Ligo ilin gastigos en la supre citita hejmo, kie apartaj dorm-, manĝ- kaj lernĉambro estos je ilia dispono. La kostoj por la partoprenado estos po S 50·—, por kiu sumo ili ricevos dum du semajnoj po 4 manĝojn kaj noktejon. La veturelspezojn repagos la Ligo. Instruos: Prof. Simon, landa lernejinspektoro Scheuch, prof. d-ro Jokl, Klatil kaj Jonas. Antaŭtagmeze

okazos la ĉefa instruo, posttagmeze paroladoj pri apartaj flankoj de la E.- kaj laborista-movadoj. El „La Socialisto“.

## Ĉu la „Tutmonda Statistiko“ sukcesos?

D-ro Dietterle.

Alvenis al mia statistika alvoko ĝis la 1. februaro entute 1457 raportoj. Ĉi tiuj ciferoj estas — per si mem — jam iomete efikaj.

Inter la respondoj estis kelkaj, kiuj kaŭzis superfluan kaj ne kontentigan laboron (ili prezentis ne responditajn demandarojn, sed longajn leterojn kaj neprecizajn sciigojn). La plejmulto estis konforma al la tri demandaroj kaj pro tio taŭga bazo por la definita laboro. Sed nur parto de la samideanaro (ekz. el la fakaj asocioj respondis nur tre malmultaj) ŝajne sufiĉe bone komprenis la intencon de la statistika laboro, kiu atingos la celon celitan nur, se ĉiuj helpos. Kaj ĉiuj povus helpi, se ekzistus la bona volo. Ĝi estas la antaŭkondiĉo, sen kiu la tuta statistiko estos nekompleta torso, sed nur malperfekta fragmento, montrante, ke en la tiel nomata „Samideanaro“ tute ne regas la samaj ideoj pri ĝenerala afero, kaj samtempe ne montrante tion, kion ni volas montri al la mondo.

En mia alvoko pri Tutmonda Statistiko mit tute klare diris, ke ĝi estos mia unua kaj lasta. Oni ne povas devigi iun al libervola laboro, kiu fariĝas deviga laboro por ĉiu, kiu komprenas la situacion de nia movado. Mi ne volas peti tiujn, kiuj ne volas kunlabori — mi ja ne volas ion ajn por mi. Kun ĉiuj, kiuj ĝis nun raportis, mi deziras nur ion por ĉiuj, nome havigi al nia movado bonan — tre necesan — propagandilon, propagandilon pli efikan ol multaj paroladoj kaj gazetartikoloj. Rezulton eble nekontentigan la neraportintaj skribu en sian propran konton!

Estos tute neefektivigebla laboro, admoni per kelkmilaj specialaj leteroj tiujn, kiuj malatentas tion, kio ŝajnas devo por ĉiuj veraj esp.-istoj.

Estas ankoraŭ tempo sendi la raportojn. Post la 15. aprilo mi devos fari grandan strekon sub la laboro farita ĝis tiam. Poste estas tute neeble, ĉiutage revizii la rezultatojn kaj korekti ilin senfine. Tiamaniere la laboro neniam estos preta por la tempo de la internaciaj kongresoj de ĉi tiu jaro.

Se mi petas ion, mi nur petas, ke oni ne kulpigu min pro rezultato netaŭga kaj nekontentiga kaj ke oni ne fanfaronu pri „fideleco al nia majstro“, se oni rezignas al tre malgranda laboro, kiu celas honori lian memoron dum nia jubilea jaro.

Oni demandis min tre ofte, kion signifas la vorto „Esperantisto“ en la demandaroj. Mi nur povas respondi per la vortoj de nia d-ro Zamenhof el la Deklaracio de Boulogne sur Mer:

„Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto tute egale por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al iu aktiva societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga“.

Karaj samideanoj, laŭ ĉi tiu difino bonvolu respondi la koncernan demandon aŭ, se vi jam sendis vian raporton, nerespondinte al la aludita demando, fari tion ankoraŭ dum la venonta tempo.

Multaj samideanoj gratulis min pro la projektita statistiko kaj sendis salutojn. Koregan dankon, mi dankas kaj salutas vin ĉiujn.

*

Tiuj legantoj de nia gazeto, kiuj nek sendis ĝis nun la raportojn al d-ro Dietterle aŭ al nia gazeto, ne hezitu fari sian samideanan devon kaj sendu la raportojn al d-ro Dietterle, Leipzig, Seumestraße 10. La ĝis nun al la gazeto senditajn sciigojn ni mem sendos al d-ro Dietterle kaj je tiu okazo ni ankaŭ gratulas al li pro la grava de li far-it(at.-, ot-)a statistika laboro!

## Universala Esperantista Pacifista Ligo.

Lasta Alvoko!

**Dum du jaroj ni klopodadas starigi fortan pacifistan ligon; ni alvokis en la Esperanto-gazetaro, ni skribis al la Naciaj Societoj, ni**

korespondadis kun interesuloj, — sed ĝis nun nur en unu lando (Ĉeĥoslovakujo), la pacifistoj energie kaj fruktplene laboras.

En nia lasta cirkulero ni klare montris nian celon: „unuigi per Esperanto ĉiujn direktojn en la pacmovado, por formi unu grandan internacian forton por la paco."

Por atingi tion, ni nepre bezonas la helpon kaj subtenon de ĉiu Esperantisto-Pacifisto. Ligo sur papero ne efikas.

Se ni ne akiros la bezonatan kunlaboron en multaj landoj, tiam estos neeble, daŭrigi nian laboron.

De la rezultato de ĉi tiu alvoko dependos, ĉu nia Ligo havas ekzistrajton.

Al vi, Esperantistoj Samideanoj, la decido!

Por U. E. P. L.: Julia Isbrücker, prez.
Oostduinlaan 32, Hago (Holando).

## Esperanto-Sekcio de Paneŭropo-Unio.

La fonda kunveno okazis la 12. febr. Dir. Kronberger malfermis ĝin, prezentis la organizan planon kaj voĉlegis la organizajn decidojn de la ĉefkomisiono de I. Paneŭropo-Kongreso, kiuj estu ankaŭ la fundamento de la E.-Sekcio. D-ro Sós, unuanime elektita gvidanto de la sekcio, raportis pri la ĝisnuna propaganda agado de la esp.-istoj por Paneŭropo kaj esprimis la deziron, ke ĉiuj esp.-istoj unuiĝu sin en la nova sekcio por subteni la paneŭropan movadon. Post li parolis prof. d-ro Jokl pri la ŝtatokrea forto de la lingvo kaj konkludis el tio je la graveco de Esperanto, estiĝinta el diversaj eŭropaj lingvoj, por la paneŭropa movado.

La kunveno decidis, interrilati kun la E.-societoj en Eŭropo kaj korespondi en E. La centro de la sekcio estas Wien, I., Hofburg, kien oni sendu aliĝ-anoncojn kaj korespondaĵojn. Jarkotizo: aŭ S 3.— aŭ sv. fr. 2·50.

*

Ni ĝojas, ke la fondo de E.-sekcio, jam antaŭ Locarno priparolita inter la tiama AED.-prez. kaj la iniciinto de Paneŭropo, nun estis efektivigata.

La red.

## Pan-Eŭropalingvo.

Esperanto anstataŭ la angla lingvo.

„Volkszeitung"-Wien raportas jene: La katolika Pacligo konferencis en Münster, Germanujo, kaj faris jenan decidon: „Pacligo de germanaj katolikoj rifuzas la anglan lingvon kiel Pan-Eŭropalingvon, postulata de Koudenhove-Kalergi, kaj proponas anstataŭ tiu la multe pli facilan, nepolitikan, internacian Esperanton."

## Johann Heinrich Pestalozzi.

La 17. februaro datrevenis la centan fojon la mortotago de Pestalozzi. Ĉi tiu ideala svisa pedagogo dediĉis sian tutan vivon al la edukado de malriĉaj infanoj, fariĝintaj orfoj dum la franca revolucio. Ĉiam nur pensante al la beno de la popolo, li oferis sian posedaĵon por siaj idealaj celoj, fondis lernejojn, kiuj restis famaj ĝis hodiaŭ . .

Dum la Pestalozzi-soleno en la gimnazio Sacré-Coeur, kiun mi partoprenis kiel instruistino, oni deklamis inter aliaj poemoj ankaŭ jenan, kiun mi esperantigis:

(El „Neue Bahnen".)

El la tempoj malproksimaj
Brilas klara, bela nom'
Kiel steloj, la senlimaj.
De alteminenta hom'.
Dediĉinta vivoforton
Al infanoj de l' mizer':
Pestalozzi! Dankon, benon,
Al la nom', al karakter'.

Por aliaj nur penadis
Fervorege la anim'
Por aliaj nur vivadis
Kaj fariĝis la viktim';
Kaj sekrete la mirakloj
Fluis el la fidelec'
Ke neniam sem' perdiĝas
Sur la kampo de l' homec'.

Kvankam akraj katastrofoj
Ĉie persekutis lin,
Tamen ne forlasis vojon
Kormontritan li ĝis fin'.
Ŝanceligis nek mizero
Heroecon nek sufer'
Kaj restadis cel' plej bela:
Sinofero sur la ter'.

Malgraŭ morto ĉiam restos
Lia bildo, lia vort';
Kaj spirito lia vekos
Ĉies emon nun kun fort'.
Kuraĝege, ne skuite
La modela sentimul'
Nin al celo admonante,
Staras antaŭ la okul'.

D-rino Brunhilde Flasch.

## Beethoven-Poŝtkartoj.

La aŭstria poŝtadministraro eldonis la 10. marto okaze de la centjara datreveno de l' mortotago de Beethoven apartajn, artece faritajn poŝtkartojn kun enpresita poŝtmarko. Unu flanko de la karto montras en la mezo en dekduangula medaliono la brustportreton de Beethoven, supre kaj malsupre de ĝi la sekvantan citajon (en germana lingvo, kiun kolonelo Zwach esp.-igis):

„Ankoraŭ staras domoj, de
Verkado lia atestantoj,
Sed ne ekzistas nova, ke
Ĝin ne trasonus liaj kantoj."

Ĉirkaŭ la bildo de Beethoven oni vidas ok vidaĵojn de ankoraŭ nuntempe ekzistantaj Beethoven — domoj en Heiligenstadt, Nußdorf, Mödling kaj Baden. En la malsupraj anguloj estas videblaj 1827 kaj 1927. La bildflanko estas presita per fotomekanika presmetodo en malhelsepiabruna koloro sur kartonita papero. La ekpenso de la karto estas la verko de Hofrat d-ro Rudolf Junk.

## Wien — festanta.

La programo de ambaŭ festsemajnoj en Wien ĉiam pli kaj pli ampleksiĝas, kvankam ĝi jam estas giganta.

Sur la belega placo antaŭ la preĝejo en Spitz, la ĉarme situa loko en Wachaŭ, jus fondita komitato el poeto prof. d-ro Ludwig (abatejo Klosterneuburg), deputito Zarboch, advokato d-ro Schlossar (Wien), urbestro de Spitz Jedek k. a. aranĝos la 11. kaj 12. junio historiajn festludojn. La ĉi tiea loĝantaro rolulos en la prezentado, kies ĉefrolojn ludos konataj aktoroj el Wien.

La komitato de la festsemajnoj en Wien aranĝos en tiuj tagoj ekskursojn per ŝipo kaj trajno al Spitz.

---

**Gratulon** al samideano Franz Schoofs en Antwerpen, sekr. kas. de K. R., redaktoro de Belga Esperantisto, kiu festis la dudekjaran datrevenon de sia elekto kiel prezidanton de granda E.-grupo „Verda Stelo, Antwerpen".

**Ni gratulas** samideanon A. Sipser kiu estiĝis la 5. marto 80jara. Preskaŭ jam sepdekjara li eklernis E.-on.

## „Neues Wiener Tagblatt" . . . jubileas.

Ni sendis al „Neues Wiener Tagblatt" jenan leteron:

Al la redakcio de „Neues Wr. Tagblatt",
Wien.

Okaze de via 60 jara jubileo ni sendas al vi niajn korajn gratulojn pro via ĝisnuna senlaca akcelado de ĉiuj progresaj tendencoj, kiun ankaŭ la esperantistoj de Aŭstrio kun danko devas rekoni.

Ni petas, ke vi afable ankaŭ en la estonteco konservu vian intereson kaj simpation por Esperanto.

Kun speciala altestimo
la redakcio de Aŭstria Esperantisto.

## Julius Patzelt.

La Germana E.-Ligo en Ĉeĥoslovakio funebras pro la morto de sia fervora propagandisto, kiu mortis 17. januaro en Obergrund ĉe Warnsdorf en sia 69-a vivjaro. Li estis konata sub la nomo „Tausendkünstler" (La ĉielertulo), estis la spirita patro de Bohem-saksa Limligo kaj eldonis E.-gazeton „La Migranto".

Li ŝparisla tutan jaron por ebligi al si la viziton de la intern. kongreso kaj ankaŭ en nia XVI. partoprenis la modestulo, kies plej granda fiero estis, montri sian albumon kun la bildoj de la preskaŭ sennombraj kursoj, kiujn li estis gvidinta dum multaj jaroj.

La plej bela memoro al li estu, lin imiti! St.

---

**Bezugserneuerung.**

Mehr als 100 Samideanoj haben bis jetzt den Bezugspreis für 1927 noch nicht eingezahlt, die Zeitung nicht zeitgerecht abbestellt, hingegen die Nummern vom Jänner und Februar angenommen. Es kann diesen Samideanoj also nur entgangen sein, daß sie noch nicht bezahlt haben. Wir bitten dieselben, dies bis 5. April nachzuholen. Nach diesem Zeitpunkte werden wir die noch offenen Beträge, der Einfachheit halber und um endlich unsere Evidenzen in Ordnung bringen zu können, mit Postauftrag einheben. Erschweren Sie uns nicht unsere Arbeit und ersparen Sie sich unnütze Kosten.

Wir bitten sehr darum!

## 25-jara jubileo de la Unua Esperanto Unuiĝo en Wien.

La 4-an de Marto t. j. en la bele ornamita klubsalonego de la Unua Esperanto-Unuiĝo en Wien, I., Schellinggasse 7, okazis festo, por soleni la 25-jaran fondiĝtagon de la unuiĝo.

Post la salutvortoj de l' prezidanto majoro Sinner sekvis jena „Prologo“, verkita kaj dediĉita al la Unua Esperanto-Unuiĝo de kolonelo Zwach, deklamita de d-ro Sós:

En tiu ĉi moment' solena,
El koro tute ĝojoplena,
Gefratoj, ni salutas vin
Kaj dankas, ke vi nin komprenis
Kaj laŭ la invitilo venis;
Jus pasis jaroj dudekkvin
De tiu memorinda tago,
Je kiu per fervora ago
De kelkaj anoj, ho feliĉ'!
Fondiĝis laŭ komuna volo
La Esperanto-Unuiĝ'.
Por tiun tagon rememori
Kaj ĝian datrevenon glori
Konvene kiel eble plej,
Ni staras, por en frata rondo
Ĝin manifesti al la mondo,
Hodiaŭ en ĉi tiu ej'.
Ĉar ĉio, kion Dio kreas,
Post kelka tempo jubileas
Eĉ ankaŭ ĉiu asoci' —,
Do nia estas tute prava,
Se pro motivo tiel grava
Nun jubileas ankaŭ ĝi.
Jes, jubileas ĉiu homo,
Ĉu ekster aŭ ĉu en la domo,
Laŭ sia propra manier',
Post longa aŭ mallonga paŭzo,
Kun iu aŭ neniu kaŭzo;
Dependas de la karakter'!
Ekzemple la dentist' pro dentoj,
La advokato pro klientoj,
Ŝuisto pro kelkcenta ŝu';
La fianĉin' pro mila kiso,
La bankrotist' pro kompromiso ktp. ktp.
Do nia unuiĝo same
Decidis festi laŭprograme
Ĉi tiun tagon de la fond'
Kaj la estraro ne hezitis
Kaj kore ĉiujn vin invitis,
Pasigi ĝin en nia rond'.
Sed nun mi petas, ke vi uzu
La tempon kaj vin bonamuzu
De la komenco ĝis la fin'.
Nur se vi estos plenkontentaj
Kaj ne pro la alveno pentaj,
Jen vi ĝojigos ankaŭ nin.

Bonega kvarteto, konsistanta el tri gefratoj Galimir kaj s-ro de Majo, ludis kelkajn muzikaĵojn kun majstra perfekteco. En la sekvinta festparolado skizis prezid. maj. Sinner la evoluhistorion de la unuiĝo, kiu estis fondita la 3-an de Marto 1902 kiel la **unua** „Esperanto-Unuiĝo“ en Wien. Li rememorigas al la estintaj prezidantoj Helf, redaktoro Schröder, Ahlgrimm, Hofrat inĝ. Hartwich, majoro Neumann, Steinhauer kaj mencias la meritojn de ĉiu unuopa por la unuiĝo.

Poste f-ino Viola, diskrete akompanata sur fortepiano de f-ino Schicketanz, prezentis kelkajn kantojn en Esperanta kaj germana lingvoj per tre belsona kaj esprimoplena voĉo. Per sia vere virtuoza violonludo, bonege akompanata de sia fratino, rikoltis s-ro Galimir entuziasman aplaŭdon.

Post la paŭzo laŭtlegis la prezidanto la alvenintajn gratulskribojn kaj s-ro Schicketanz malfermis per sia spritplena, en versoj verkita „conférence“ la humoran parton de la programo.

F-ino Stanislawsky el „Raimund“-teatro surprizis per siaj ĉarmaj, gracilaj, efektplenaj dancoj. — Grandegan gajecon elvokis la nun sekvinta unuakto „Tute la patro“, franca burleskaĵo tradukita de d-ro Sós, bonege ludita de gesamideanoj f-inoj Barte kaj Jank kaj de s-roj Schicketanz kaj Vasta.

Kiel lasta programpunkto sekvis humora „ombroludo“ laŭ „la garantio“ de Fr. Schiller, tradukita de kol. Zwach, tre lerte kaj spritplene prezentita de Jank, Vasta, Schicketanz kaj Ĉech.

Estis bela vespero en Esperantujo.

Inĝ. Sinek.

---

## Printempa foiro de Frankfurt a. M.

Denove ni sciiĝas el prospekto en Esperanto, ke la proksima foiro de Frankfurt a. M. okazos de 27.—30. marto 1927. Antaŭvideble ankaŭ la venonta foiro altiros grandan vizitantaron. Aparte menciindaj estas la novaj special-aranĝoj, fakekspozicio „La nova Loĝejo kaj ĝia interna finkonstruo“, kolektiv-ekspozicio de l' silkindustrio de Lyon kaj de la germana industrio de veluro kaj vel-

veto. En unu el la plej renomitaj hoteloj de Frankfurt dum teo kaj danco okazos modoprezentado de unuaklasoj firmoj de Parizo.

Petu prospekton de Messeamt (Esperanto-Fako) Frankfurt a. M.

**Budapest-a Intern. Foiro,** 30. April ĝis 9. Mai 1927, eldonis belajn propagandilojn kaj glumarkojn en E.

## Esperanto en la komerca lernejo.

Fred Stengel-Wien.

Fine mia revo pri la enkonduko de E. en la burĝlernejojn estas efektivigita. Jam antaŭ kvin jaroj mi proponis okaze de mia ampleksa referato pri la lingvoproblemo en la unueclernejo (Einheitsschule) krom la antikvaj kaj modernaj fremdlingvoj ankaŭ Esperanton. Tiam, kiam mi faris mian antaŭreferaton altloke, oni priridetis mian proponon; sed mi havis tamen la kuraĝon akcepti E.-on en mian referaton por la decidrajta komitato. Bedaŭrinde mia propono pri E. restis en la malplimulto.

Malgraŭ mia tiama nesukceso mi estis fiera farinte tion, ĉar almenaŭ oni estis atentigata, ke E. jam ne estas utopio, kaj devis iomete okupi sin pri ĝi.

Mi nun provis kaj sukcesis en la komerca lernejo. Jam antaŭ kvar jaroj s-ro dir. G. Schremmer enkondukis E.-on kiel nedevigan instrufakon en la dua klaso de sia duklasa komerca lernejo por knabinoj (Wien, IX., Hernalsergürtel 30). La lernantinoj ricevas en siaj atestoj noton, kiu estas samvalora al la aliaj. La knabinoj laŭ propono de s-ro kort. kons. d-ro Wollmann (okaze de praktika ekzameno okazinta en ĉi tiu lernejo) nun libervole lernas E.-on jam en la unua klaso kaj daŭrigas en la dua. Mi devas konstati, ke ĉi tiuj instruhoroj estas miaj plej ŝatataj dum mia tiom longa instruagado.

Antaŭ tri jaroj mi faris la modestan provon, enkonduki E.-on en la komerca perfektiga lernejo de la Wien-a komercistaro, VIII., Hamerlingplatz 5. Kun permeso de direktoro, reg. kons. d-ro Goldberger, mi iris tra la klasoj kaj varbis 30 gelernantojn por kurso. Ili devis mem pagi malaltan kotizon. Sed dank' al la favoro de l' dir. kaj la lernejа komitato (raportanto d-ro Weiss) la lastan jaron jam okazis kvar kursoj, senpagaj por la gelernantoj. Du gvidis s-ro prof. Simon kaj du — mi. Ĉijare prof. Simon instruas E.-on en la akademio kaj mi en la perfektiga lernejo. Ankaŭ en ĉi tiu lernejo la gelernantoj ricevas noton en siaj atestoj.

Pro la graveco de E. por la komerco — la aliaj komercaj akademioj kaj lernejoj sekvu! — Kuraĝe antaŭen!

**En Komerca Akademio de Moravská Ostrava** s-ro Arnoŝt Janečka instruas laŭ dekreto 135.552/26-III de 17. nov. 1926 oficiale E.-on. (Laŭ „Progreso“.)

**La urba lerneja Konsilantaro de Bilin** je petskribo de la geknabaj burĝlernejoj decidis la enkondukon de E. kaj samtempe donis subvencion. (Laŭ „Marto“.)

**Brazila albumo.**

S-ro d-ro Raphael Nogueira, Estado de Minas, E. F. L., Carangola, Brazilio, sciigas nin, ke li eldonos en ĉi tiu jaro albumon, enhavanta plenajn sciigojn pri la movado kaj organizo de la sudamerika esperantistaro kun belaj vidindaĵoj el urboj de Brazilio, Argentino, Urugvajo, Ĉilio ktp. kaj kun E.-teksto. Kontraŭ alsendo de ilustr. poŝtkarto (pm. bildflanke) vi ricevu senpagan ekzempleron de la albumo.

## Respondo al „Lingvaj babilaĵoj.“

De Friedr. Bock (vidu: A. E. n-ro 1/27).

Al la aserto, ke „la nombro de substantivigeblaj adjektivoj en E. estas tre limigita“, mi ne povas konsenti. Tute kontraŭe, inter la proksme. 300 fundamentaj adjektiv-radikoj de E. eĉ ne unu ekzistas, kiu ne estas substantivigebla. Tio estas ja natura, ĉar kion signifas kunmetitaĵo el adjektiv-radiko kaj la finaĵo -o? Ĝi signifas substantiv-ideon plej ĝeneralan, karakterizitan per la kvalitesprimo (la koncerna adjektivo). Tio nur povas esti abstrakta ideo. Ekzemple: bon-o (ideo substantiv-karakterizita per la kvalito bon-). Se oni tamen tradukas: la bono = das Gute

(anstataŭ „die Güte"), oni enkondukas novan ideon, la ideon de konkreto, kiu nek estas entenata en bon- nek en -o (en E. speciale esprimebla per la afikso -aĵ). Sed tamen ankaŭ tia traduko estas trovebla speciale en poezio; tiam ĝi ne estas eraro sed metonimia esprimo. Ni ja scias, kiom da tropoj ni uzas en viva lingvo — kaj E. estas viva lingvo.

Laŭ tio dirita rezultas, ke la afikso „-ec" ne estas necesa por formado de abstraktaj substantivoj el adjektivoj; ĉar la ideo -ec (= kvalit = abstrakt) jam estas entenata en ili. Se ni ĝin tamen uzas en tia okazo, ni nur akcentas la abstraktan karakteron de la vorto (boneco).

Do mi opinias, ke tiu mallonga rezonado konvinke pruvos la substantivigeblecon de ĉiu adjektivo en E. Ĉiam tiaj formoj povas esti uzataj kaj ili ankaŭ tiam havas certan sencon, kiam en iu nacia lingvo sinonima vorto ne ekzistas.

Koncerne la esprimojn „das Wahre", „die Wahrheit" kaj s. ni tre facile el la kunteksto ekkonas ĉu „la vero" (abstr.), „la vereco" (akcentita abstr.), „la veraĵo" (konkr.) aŭ „la vera". (Tiu lasta esprimo estas ĉiam allasata, se kompletiga substantivo estas alpensebla, laŭ „la tria [tago] de nov.").

Fine mi ankaŭ ne interkonsentas tion, ke „gravaj malfacilaĵoj naskiĝas ĉe la komparativoj kaj superlativoj". „Das Bessere ist der Feind des Guten" mi tradukas „La pli bona estas la malamiko de la bona"; kompletiga subst. restas pensita (elizia esprimo: la pli bona [io] estas la malamiko de la bona [io]). Same la frazo: „Das Beste ist das Wasser" = La plej bona [aĵo] estas la akvo. Ankaŭ „la pli bono", „la plej bono" aŭ „la plibono" k. s. estas permesataj esprimoj (komparu: plimulto = Mehrheit). Ĉe la kunmeto de la vortoj oni ne derivas novajn ideojn sed la antaŭmetita vorto specigas la ideon esprimatan per la dua vorto. Ankaŭ ne timu ni la formon: „la pli bono" pensante: ho ve, tio estas „komparacio" de substantivo, kaj en neniu gramatiko estas trovebla la surskribo: Komparacio de substantivoj! Ĉu estas, „ŝton-ego" io alia ol speco de komparacio de la subst. „ŝtono"?

Oni perceptu la lingvon sen antaŭjuĝoj enpenetrintaj en la pensmanieron per la studo de ofte tre kapricaj naciaj lingvoj kaj oni baldaŭ ekkomprenos la admirindan verkon de Zamenhof, kiu plene servis ĝis nun en sia simpla formo kaj tial antaŭ ĉio restu simpla!

Ludwig Siedl-Wien.

---

## Urĝa peto!

Vi certe volas helpi la E.-movadon en via propra loko kaj distrikto.

Tiam ne hezitu elspezi 10 gr. kaj skribi sur simpla poŝtkarto al ni la adresojn 1. de la lokaj kaj distriktaj gazetoj, aldonante la partian tendencon 2. de firmoj, kiuj uzas E.-on, kaj 3. de ĉiuj al vi konataj esp.-istoj via — kaj alialokaj!

## AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO

Wien, IV., Schäffergasse 8.

Ni petas ĉiujn samideanojn, sendi proponojn por la laborkonferenco en nia VII-a ĝis plej malfrue fino de aprilo al nia adreso

Por A. E. D.:

Feder. Meštan.

## PROPRAJ RAPORTOJ DE „A. E."

### Esperanto-Gottesdienst in der Minoritenkirche.

20. März 1927, 10 Uhr, mit Predigt.

**Graz. S-ro Rogler** raportas: Laŭ „Grazer Tagespost" de l' 3. febr „Ido-societo" en Graz libervole ĉesis ekzisti. La grupo neniam estis granda, sed pro bonaj interrilatoj de la ĝisnuna prez. prof-o Verzau, fervora batalanto por Ido, al la ĉi tiea gazetaro de tempo al tempo aperis artikoloj pri Ido en „Grazer Tagblatt". Certe la laboro de la ĉi tieaj esp.-istoj, kiuj montris la sukceson kaj finvenkon

de E., kunhelpis, ke la Ido-grupo nun malaperis. La batalmaniero de niaj iamaj kontraŭuloj en Graz estis ĉiam honora. Pro tio ni ŝuldas dankon al prof. Verzau kaj al la iama Ido-societo. Ni esperu, ke kelkaj iamaj „Id“-anoj nun revenu al E. kaj kunhelpu al fina venko de unu sola helpa lingvo. **„Loka grupo Graz“** funebras pro la morto de la multjara membro s-ro Oskar Querin, pol. adj., kiu post longdaŭra malsano mortis la 9. febr. Li, kiu treege ŝatis la veran Esperantismon, la internan ideon, helpis malgraŭ laciga laboro en sia oficejo, ke nia societo povis ekzisti ĝis post la milito. Ĉiuj Graz-aj esp.-istoj ŝatos lin ankaŭ post lia morto. **„E.-societo p. Stirio“.** Aldono al la raporto en jan. n-ro: S-ro K. Bartel estis elektita dua sekr. Ni ĝoje salutas lian denove aktivan partoprenon. — Je iniciato de nia sekr. s-ro Rogler ni proponis al „Lehrerakademie — Graz“ la envicigon de E. en ĝian programon. En la estrarkunsido de „Lehrerakademie“, kiun partoprenis s-ro Hallamayer kiel nia reprezentanto, oni decidis la envicigon kaj preparas paroladon pri E. En la jarkunveno oni sciigis ĉi tiun decidon kaj dankis al nia societo pro la propono. Okaze de la jarkunveno de „Steier. Radio-Klub“ ni proponis, ke la klubo interesiĝu pri E. Ni sukcesis kaj oni decidis, ke ni faru en venonta kunveno de la Radio-Klubo paroladon pri E. — Kurso por progresemuloj komencis en la kadro de nia societo la 15. febr. en la loĝejo de nia membro, s-ino Ott. Gvid. s-ro Hallamayer. — **Ludwig Draeger** gvidas kurson kun 30 laboristoj en la ejoj de la faka perfektiga lernejo de Puchwerke.

**Innsbruck.** D-ro Blaas parolis el la Innsbruck-a Radiostacio la 9. marto pri E. kaj parolos la 16. marto denove. Instruista fakgazeto „Kath. Volksschule“ publikigos artikolon de d-ro Blaas. Germannacia „Innsbrucker Nachrichten“ favore publikigis artikolon pri „La vero de Suda Tirolo“ de s-ro Steiner-Korneuburg.

**Linz.** La neŭtrala kaj polica grupoj aranĝis sub la prezido de s-ro Meisleder bonege vizititan eksterordinaran kunvenon, en kiu redaktoro Steiner el Korneuburg parolis pri aktualoj temoj de la E.-movado kaj samtempe invitis je partopreno en la VII. AEK. en Wien. Post la oficiala parto la anoj de ambaŭ grupoj sekvis kune kun la gasto la inviton de la laborista grupo kaj vizitis ilian familian feston kun danco. Tie la grupestro de la laborista grupo salutis la gaston el Korneuburg kaj la samideanojn de Linz plej kore kaj esprimis sian ĝojon, ke ili estis venintaj. (Mi admiras la laboron de la Linz-aj samideanoj, kiuj en tiom mallonga tempo je iniciato de l' landestro de AED. Meisleder kaj sub la prezido de prof. d-ro Meguscher tiom antaŭenpuŝis nian aferon en Supra-Aŭstrio. Steiner.)

**Neudau** (Steiermark): Parohestro d-ro Weber gvidas kurson kun 20 pers.

**Salzburg.** Ad. Smit el Haag, Holando, vizitis la 28. januaro nian grupon, parolis pri Holando kaj deklamis proprajn poeziaĵojn el la ĵus publikigita verko „Fajreroj“. Lia klara kaj lerta parolmaniero trovis meritatan aplaŭdon. — La 9. februaro okazis ĝeneralkunveno de nia grupo. La estraro estas unuanime reelektita. — La 13. februaro ni ekskursis al la fervoraj gesamideanoj en Hallein kun nia muzikterceto.

**Steyr.** Grupo de Supra Aŭstria E.-societo estas fondota plejvenonttempe.

**Wien.** **„Komercista E.-Junulara Unuiĝo“** estas fondita la 2. marto en la komerca lernejo „Schremmer“, IX., Hernalsergürtel 30. Protektanto kaj fondinto estas dir. Stengel. La estraro: Maller Th.-prez., Schefczik Julia-vicprez., Popper Friedr. kaj Gill Berta-sekr., Skiba Erico kaj Hersch Leopoldine-kas., Schrammek Christine kaj Andersch Herminekontrol., Lang Erna, Lindner Math. kaj Fritz Marie-konsil., Moritz Frieda kaj Hanakam Hansekskursestroj. La kunvenoj okazos ĉiun merkredon 19.—21. h en la komerclernejo Schremmer. — **„E.-soc. Danubio“** aranĝis la 7. februaro „vesperon de verda bonhumoro“ kun rakontado de anekdotoj, humoraj deklamaĵoj, kantoj kaj muzikaj prezentaĵoj. S-ro Smit el Haag ĉeestis kaj ĝojigis la kunvenintojn per sia riĉa kaj sprita humoro, rikoltinte bruegan aplaŭdon. — La 21. marto „Granda Beethoven-Soleno“, okaze de la 100 jara datreveno de la morto de l' fama komponisto, kun lumbildoj, kantoj kaj muziko. Venu multnombre kaj ĝustatempe, ĉar oni komencos precize je la 19 h. — 15 div. E.-gazetoj estas ĉiam je dispono de la vizitantoj. **„E.-Laboristaro kristana de Aŭstrio“** komencis novan kurson en Floridsdorf, Brünnerstraße 20. Gvid. Bischof. Josef-soleno en la baziliko Maria Treu, Wien, VIII., Piaristeng., la 19. marto je la ½8 h vesp. E.-tekstoj aĉeteblaj antaŭ la preĝejo. **P. Franz Mestan** informas nin pri E.-propagand-kunveno en Ursulinerkloster, XVIII., Gentzg. 18. Parolos: Prof. Tauchmann pri „Idealoj de E.“; Smital „La praktika flanko de E.“; P. Mestan „E. kaj la katol. eklezio“. Gastoj (nur inoj) estas bonvenotaj! — **„E.-grupo de Naturamikoj“:** Parolado: La 19. aprilo „Venezia“ de Ĉech; ekskursoj: 20. marto Hohe Mandling, 27. marto Julienturm, 3. aprilo „Fuchsjagd“, 10. aprilo Mostalm aŭ por skiveturantoj Gleinalp-regiono, 17. aprilo Mazocha per aparta trajno (Paskoj) aŭ al Wienerwald.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunvenejo) „Pastete", Sporgasse 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo). Südtiroler Platz. Hotel Sonne. Do (ĵ) 20—22 h.

Esperanto-Klub. Gasthof „Goldener Greif", bei der Triumphpforte. Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.

I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19—21 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17—19 h.

„Konkordo", V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19—22 h.

Esp. laboristaro kristana de Aŭstrio, VI., Gumpendorferstraße 39, Do (ĵ); XII., Tivoligasse 38, Mo (l); XV., Beingasse 22, Mi (me); XVI., Rückertgasse 9, F (v) ĉiam je la 19a.

Esp.-societo „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft, VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj): Täglich 18—19·30 h.

Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.

Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.

Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.

Esp.-soc. „Kulturo", XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand, Do (ĵ) 19·30 h.

## Rekomendindaj firmoj.

E. signifas, ke oni parolas E.-on.

**Graz.**

Café = kafejo:
„Post", I. Haring, Neutorgasse.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.